# Esperanto HAMBURG



1/2007
Decembro/Januaro


Foto: Dirk Foitlänger, DB mobil 10/2006

## Germana Fervojo varbas por Esperanto- Hotelo

En sia oktobra magazino Germana Fervojo DB varbas por favorpreza dutaga restado en Fulda. Apud la baroka urbocentro, kiu certe valoras vojaĝon, la artikolo laŭdas la kvarstelan novan Hotelon Esperanto. La konstruaĵon kun granda vitra fasado la aŭtoro priskribas kiel arkitektura kulmino. Por fuĝi el malagrabla aŭtuna vetero, li rekomendas la grandan luksan ekipaĵon por bonfarto, naĝado kaj alia sporto. Laŭ tiu propono 2 noktoj en dulita ĉambro kun matenmanĝo kostas 128,- Eŭrojn. (en DB-vojaĝagentejo aŭ www.ameropa.de)

**Editoraĵoj**
Eldonanto: *Hamburga Esperanto-Societo r. a.*
Klaus-Groth-Str. 95, D-20535 Hamburg
Tel/Faks: +49 40 250 30 65

Prezidanto: Jürgen Wulff

Redaktoro: Benno Klehr

Retpoŝto: Esperanto-Hamburg

Redaktofino de Hamburg Esperanto

n-ro 1/2007: 15-01-2007

**Sentenco**

Hodiaŭ
estas tiu morgaŭ
kiun ni timis hieraŭ.

*NN*

**Karaj legantoj,**

la jaro 2006 ne estis pli paca ol la antaŭaj. Ĉie en la mondo ekzistas malpaco, sed ni en Centra Eŭropo vivas en paco dum pli ol 60 jaroj. Tamen la germanoj estas malkontentaj kaj daŭre plendas, kiom malbona ja ĉio estus. Altaj prezoj, krizo en la por-saneca sistemo, senlaboreco, ktp. ktp. Sed neniu malsatas ĉe ni, neniu suferas pro milito, neniu estas persekutata, neniu vivas en morto-danĝero.
Pli bone ol plendi estas aktivi laŭ siaj ebloj, uzante la disponeblajn rimedojn kaj kune kun aliaj eltrovi, kio eblas.

Mi deziras al vi nome de la estraro agrablan kristnaskan feston kaj bonfarton en la jaro 2007.

*Benno Klehr*

---

La Jarĉefkunveno de Hamburga Esperanto-Societo okazos la 22an de Februaro 2007 je la 20a horo en la Esperanto-Domo

---

**Nia programo**

| Decembro | Januaro |
|---|---|
| **7** Klubejo fermita<br>pro sabata festo<br><br>**9 Zamenhoffesto<br>komenco 19:00 h<br>Bonvolu anonci vian<br>partoprenon ĉe Benno Klehr**<br><br>**Post la<br>Zamenhoffesto<br>ne plu okazos<br>klubvesperoj<br>ĝis Januaro 2007** | **4** Klubejo fermita<br>pro feria tempo<br><br>**11** *Frank Merla:*<br>**Ekzercoj pri akuzativo**<br><br>**18** *Rudi Haberland:*<br>**Mediprotektado**<br><br>**25 ni komune solvas<br>"Teruran Enigmon"**<br><br>---<br><br>**1a de Februaro**<br>*R. Glomp:* **A. Ĉeĥov,<br>La nokto antaŭ la juĝo** |

**Nova bildprojekciilo**



Finfine ni havas bildprojekciilon por spekti filmojn aŭ komputilajn prezentaĵojn sur la muro. Jam dum kelkaj jaroj ni planis la aĉetadon, sed nun, danke al interesitaj membroj, ni povis eĉ akiri pli bonan aparaton. Temas pri BenQ Beamer MP720P. Ĉi estas nekredeble mallaŭta (28 dB) kaj donas enorme helan bildon, kiu taŭgas por lumigita salono (2500 ANSI-Lumen).
Ni speciale dankas al *Klaus Diekmann*, *Ralph Glomp* kaj *Frank Merla* pro la financa subteno.

*Benno Klehr*

**Neues Wörterbuch Deutsch-Esperanto**

Prof. Krause (Leipzig) hat sein neues Wörterbuch fertiggestellt, der DEB-Esperanto-Buchdienst verteilte folgende Mitteilung:

Komence de 2007 aperos la nova vortaro de Erich-Dieter Krause. La prezo estas komence 98,00 Euroj; la eldonejo volas altigi la prezon ekde julio 2007 al 128 Euroj.

Erich-Dieter Krause
**Großes Wörterbuch Deutsch-Esperanto**

2007. Ca. 1650 Seiten.
ISBN 3-87548-466-5. Gebunden 98.00
(Erscheint im 1. Quartal 2007)

**Zielgruppe**
Anfänger und fortgeschrittene Lernende; Linguisten

Das mit rund 160.000 Stichwörtern und Wendungen weltweit umfangreichste zweisprachige Esperanto-Wörterbuch beinhaltet den gesamten Wortschatz der Alltagssprache mit zahlreichen Wortverbindungen und Anwendungsbeispielen und darüber hinaus fachsprachliche Grundbegriffe aus allen Bereichen. In den Wissensgebieten Botanik, Zoologie und Medizin werden zudem die lateinischen Termini angegeben. Der Sprachgebrauch in Österreich und der Schweiz sowie Regionalismen sind ebenfalls berücksichtigt. Geografische Namen, Eigennamen und Abkürzungen sind alphabetisch eingeordnet.

Eblas jam nun mendi. Mi liveros tuj post apero de la libro, kaj kompreneble sen kromaj sendokostoj ene de Germanio.
Kore salutas
Wolfgang Schwanzer
Esperanto-Buchversand
Libroservo de Germana Esperanto-Asocio

Re al Esperanto en Hamburg